2.ª Ep. AÑO II, N.º 10 (146) NOVIEMBRE - DICIEMBRE 1964




DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

# PROF. D-RO. IVO LAPENNA PREZIDANTO DE U. E. A.

La elekto de Prof. D-ro. Ivo Lapenna kiel Prezidanton de UEA estas granda ĝojo por la tutmonda esperantistaro. Liaj kapabloj kiel unuaranga verkisto, prelegisto kaj aktivulo de nia movado estas ĉies konataj, kaj liaj scioj pri la lingvoproblemoj en internaciaj rilatoj krom lia renomo en internacia juro, certigas al la Esperantistaro plej kompetentan gvidadon en la finan celon.

Kun kora gratulo al UEA pro la trafa elekto de D-ro. Lapenna por la plej alta posteno de nia movado, la hispanaj esperantistoj, konsciaj pri la samideanaj devoj kaj respondecoj plenfide kaj helpeme diras al li: Kara Prezidanto, JE VIA DISPONO!

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA**

Direktoro: Domingo Martínez Benavente

Redakcia Komitato:
Angel Salete
Nicolás L. Escartín
Emilio Gastón

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.°
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.°
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado sendu al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Dro. E. Tudela
Str. Ruzafa, 41 - VALENCIA

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H. E. F., escepte en okazo de oficiala komuniko; do pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

# NIAJ DONACINTOJ...

Suma anterior . . 4.549'50

Esp. Grupo Payá — Mislata — 305

María, 5; Ana María, 5; Vicentita, 5; Consuelito, 5; Marujo, 5; Paqui, 5; Angelines, 5; Carmencita, 5; Ruiz, 5; Maroto, 5; Terol, 5; Santos 5; Lozano, 5; Joel, 5; Ruz, 10; Pascual, 5; Críspulo, 5; Reig, 5; Aparisi, 5; Giménez, 5; Blasco, 5; Sanchis, 5; Juanito, 5; Leopoldo, 5; Julio, 5; Vilaplana, 10; Tonet, 5; Vicente, 5; Catalá, 5; Alfredo, 5; Forés, 5; Forés (elc.), 5; Roberto, 20; Torregrosa, 5; Pomares, 5; Pepet (elc.), 5; Roque, 5; Serisola, 5; Modesto, 10; Valenzuela I, 5; Valenzuela II, 5; Jacinto, 5; Isaías, 5; Angelet, 5; Briz, 5; Félix, 5; Albero, 5; Batiste, 5; Onofre, 5; Eliseo, 5; Sanjuán, 5; Carlos, 5; Mateu, 5; Alcantarilla, 5; Rafa, 5.

| | | |
|---|---|---|
| L Armadans | Barcelona | 75 |
| A. Ruiz | El Morche | 100 |
| J. Clariana | Zaragoza | 100 |
| S. Ortega | Mahón | 40 |
| J M.ª Serés | Cervera | 50 |
| F. Contri | Denia | 30 |
| A. Rodejá | Olot | 40 |
| R Gisbert | Barcelona | 40 |
| M. Ruiz | Madrid | 10 |
| S Oliván | Vigo | 28'50 |
| F. Santacruz | Barcelona | 15 |
| A. Sánchez | Madrid | 25 |
| R. Ricou | Sta Eugenia de Ter | 40 |
| E Folgado | Badajoz | 25 |
| L. Armadans | Barcelona | 65 |
| S. Chaler | Tarrasa | 25 |
| J. Boch y Sra. | Valencia | 100 |
| N. Ullar | S. Feliu de Codinas | 30 |
| A. Figuerola | Madrid | 65 |
| F. Amorós | Valencia | 56 |
| Baleara Esp. Asocio | Palma | 39 |
| Un samideano | Moyá | 500 |
| E. Unanue | Eibar | 10 |
| B. Lorizate | Eibar | 25 |
| S. Arizmendi | Eibar | 25 |

Suma . . 6.413'00

(Continuará)

ĜOJAN KRISTNASKON
KAJ
FELIĈAN
NOVAN JARON!

## KRISTANASKO KAJ NOVJARO...

rapide alproksimiĝas.

Petu tuj niajn belajn kaj bonkvalitajn kristnaskajn kartojn, laŭ jena jformatoj:

Poŝtkarta formato ........... 2 ptojn.
Falda » ............ 2'50 »

# ANTAŬ LA "JARO DE INTERNACIA KUNLABORO" (J. I. K.)

Okaze de la «Jaro de Internacia Kunlaboro», U.E.A. entreprenis gravan agadon kiun ĉiu unuopa esperantisto devas subteni, kaj pleje kunhelpi. Temas pri efektiva helpo al la Unuiĝintaj Nacioj en la celo progresigi la internacian kunlaboradon. En tiu agado, la antaŭenigo de nia internacia lingvo devas ludi gravan rolon pro la signifo kiun ĝi jame havas, kaj en oficialaj planoj povus iame havi, se niaj klopodoj atingus la merititan sukceson.

La jaro 1965, kiu signas la 20an datrevenon de la fondiĝo de la Unuiĝintaj Nacioj, prezentiĝas do por la esperantistaro kiel promesprenan agadkampon. Paĝturne trovos la leganto unu el la unuaj agadplanoj —kolektado de subskriboj— pri kies detala plenumo ni plej arde insistas. Konsiloj kaj detaloj pri pluaj agadoj regule aperados en ontaj numeroj de «Boletín». En ĉi tiu laboro, la persona kontribuo de ĉiu esperantisto havas decidan valoron, pro kio ni petas ĉies helpon kaj kunlaboron. Se dubaj punktoj estiĝas, bonvolu peti pliajn klarigojn al la sekretariejo de H.E.F.

En la ĝenerala plano por la «Jaro de Internacia Kunlaboro» antaŭvidiĝas duobla agado por la esperantistaro: unue, subteni kiel eble plej efike la klopodojn de U.N. por la J.I.K., kaj paralele al tio agi favore al la Internacia Lingvo. Oni povas facile kompreni ke ambaŭ ĉefagadoj estos reciproke influataj kaj firme kunligitaj. La diskonigo de la celoj kaj laboro de la Unuiĝintaj Nacioj devas meriti nian plej grandan atenton, Ju pli efika estos nia tiucela agado despli granda estos la prestiĝo de la Internacia Lingvo. Kaj nia samtempa agado por Esperanto ankaŭ estos efika kontribuo al la internacia kompreniĝo kaj kunlaborado.

La Universala Esperanto-Asocio, provizore sugestas al ĉiuj Esperanto-organizaĵoj la jenon:

1. — Organizado de prelegoj pri la Unuiĝintaj Nacioj en la lokaj kluboj kaj grupoj, precipe okaze de la tago de U.N. en oktobro, kaj la publikigo de artikoletoj pri U.N. en la propraj organoj. Almenaŭ unu ero de la programo de la landaj kongresoj en 1965 devus esti dediĉita al U.N.

2. — La fakaj organizaĵoj povus facile pritrakti iun aspekton de la agado de U.N. aŭ de la t.n. specialigitaj organizaĵoj el vidpunkto de siaj propraj fakaj interesiĝoj, kaj aperigi artikoleton en siaj organoj.

U.E.A. promesas la sendon de pluaj informoj tuj post la ricevo de pluaj sugestoj flanke de la sekretariato de U.N. Tamen *ni petas al niaj grupoj ekagi laŭ la supraj indikoj kaj informi pri ĉio farita aŭ farata al la sekretariejo de HEF.* Ni petas al la sekretarioj de niaj grupoj plej detalajn informojn pri la laboro plenumita ĝis decembro 1964, por sendi la koncernan raporton al U.E.A.

Plej urĝa tasko nun estas la kolektado de subskriboj kaj ĉemetite oni trovos foliojn por plenumi tiun celon. Surdorse de ĉiu folio oni trovos specifajn instrukciojn por plej bone plenumi la laboron. Bonvolu sendi la plenigitajn foliojn al nia sekretariejo, sen atendi la plenigatajn aŭ plenigotajn. Ni esperas la plej fervoran kunlaboron. Laŭ diras nia UEA Prezidanto Dro. Lapenna, la ĉefa afero estas rapide kolekti kiel eble plej multajn subskribojn. Ne necesas multe da formalaĵoj. Ĉiu konscia civitano kiu povas kompreni la signifon de la propono kaj pretas apogi ĝin povas subskribi ĝin.

N. L. ESCARTIN

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
# JARO DE INTERNACIA KUNLABORO (J. I. K.)

## *Kelkaj sugestoj por efika kolektado de subskriboj*

La Rezolucio de la Kongreso en Hago, publikita sur la p. 154 de la septembra «Esperanto», jam estas sendita al la sekretariato de la Unuiĝintaj Nacioj. Esence identa teksto formas la proponon prezentotan al la Unuiĝintaj Nacioj fine de la jaro 1965. Okdek mil ekzempleroj de la folio kun la teksto de la propono en Esperanto kaj apuda traduko en unuopaj naciaj lingvoj, jam estas distribuitaj. Aliaj miloj estas nun pretaj por distribuo. Multaj esperantistoj jam sukcese ekagis, kolektis konsiderindan nombron da subskriboj kaj sendis la plenigitajn foliojn al la C.O. en Rotterdam, kie ĉio estas regule ordigata laŭ la landoj kaj klasigata laŭ la profesioj. Por rapidigi la kolektadon de subskriboj kaj sistemigi ĝis maksimumo la laboron, ni donas jenajn konsilojn:

1. — Se vi ankoraŭ ne havas la foliojn, b. v. tuj peti plurajn ekzemplerojn al la sekretariejo de H.E.F. Antaŭ ol komenci la kolektadon bv. legi kaj poste atente observi la instrukciojn dorsflanke de ĉiu folio.

2. — Unuavice bv. subskribi mem kaj peti la subskribojn de ĉiuj viaj familianoj kaj gekonatoj. La plenigitajn foliojn bv. sendi tuj al la sekretariejo de H.E.F.

3. — Se iu el viaj familianoj aŭ gekonatoj montras apartan interesiĝon, petu lin aŭ ŝin kolekti inter siaj gekonatoj kiel eble plej multajn subskribojn.

4. — Okaze de Kristnasko aŭ Novjaro —vi taŭge povus aldoni al viaj bondeziroj, kelkajn vortojn pri la signifo de la Jaro de Internacia Kunlaboro, pri la rolo de la Internacia lingvo kaj, aldonante unu aŭ plurajn foliojn, peti pri kolektado de subskriboj.

5. — Jam okazis, ke unuopaj kunlaborantoj en tiu ĉi afero sukcesis proprainiciate publikigi la tekston de la propono en lokaj gazetoj, en unu kazo eĉ en tre grava landa gazeto. Tio estas bonega. Klopodu agi same, laŭ la ebleco kun akompana mallonga artikoleto pri Esperanto. Tamen, ne forgesu aldoni en la fino, ke ĉiu leganto, kiu apogas la proponon povas subskribi ĝin indikante siajn profesion aŭ okupon kaj adreson. Plej oportune estus presigi ĉe la fino de la propono en la gazeto mem «Nomo...; profesio...; adreso...; subskribo...», tiel ke ĉiu leganto povu eltranĉi, subskribi kaj sendi al la adreso kiun vi indikos. Personoj kun bonaj rilatoj en la lokaj gazetoj povus provi. La organizanto de la agado laŭ tiu ĉi sugesto devus, kompreneble, kolekti ĉiujn eltranĉaĵojn kaj aldoni tiujn al la laŭregulaj folioj kiel pruvon.

ĈIU HELPU AL PLENA SUKCESIGO DE LA KAMPANJO POR KE LA JARO DE INTERNACIA KUNLABORO EFEKTIVE FARIĜU JARO DE LA INTERNACIA LINGVO ESPERANTO

---

## S-ro. JEAN PELETIER, MORTIS!!

Kun profunda malĝojo ni informas al la hispana samideanaro pri la ĵus okazinta forpaso de nia franca samideano Jean Peletier.

Kun Sro. Peletier, oficiro de la Honora Legio, Aviadista, emerita kapitano, malaperas el la fizika plano entuziasma esperantisto kaj granda amiko de nia lando. Neforgeseble, li restos en nia animo kaj penso. Pacan ripozon al li.



## Niaj pioniroj...

# Pedro Naranjo Terán

S-ro. Pedro Naranjo Teran —multmerita samideano kiun ni venigas hodiaŭ en nian rubrikon— naskiĝis en Jerez de la Frontera la 3an de aprilo 1887a —en la sama jaro kiam naskiĝis esperanto—, kaj li eklernis ĝin tute sola en la sama jaro kiam mortis Dro. Zamenhof, tio estas en la jaro 1917a.

Aktiva esperantisto, li paroladis publike pri Esperanto en la estinta jereza Ateneo kaj en la Nacia Porblindula Organizaĵo. Dum la ekzistado de la grava «Revista del Ateneo», li verkis ĉiumonate anguleton en Esperanto. En tiama tempo, tiu revuo interŝanĝiĝis kun la plej granda parto el la tutmonda esperantista gazetaro. La madrida ĵurnalo «Ya», kreis laŭ lia sugesto la sekcion «Cartas al Director» kies unua kunlaboranto li estis per letero kiu defendis Esperanton kontraŭ arbitra atako de okaza verkisto. Pro tiu, lia defendo de Esperanto, la ĵurnalo Madrid publikigis lian leteron al la redaktoro Sro. Antonio de Obregón. Ankaŭ S-ro. Naranjo kontestis artikolon aperinta en la barcelona revuo «Glosa», kaj defendis nian lingvon Esperanto kontraŭ la atakoj de R. Pérez de Ayala kaj J. M. Pemán.

S-ro Naranjo estas industriisto kaj posedas malgrandan kafejon kies nomo «Universal» parolas pri la ampleksaj ideoj de nia samideano. En iamaj revuoj ankaŭ oni povas legi raportojn kiuj montras kiel nia omaĝata samideano konsciis pri la respondeco kiun havas ĉiu vera esperantisto, kaj entuziasme laboris por la progresigo de nia lingvo.

Esperante, ke la respondoj de nia samideano estos saĝoplena lekcio por ĉiu bonvolulo, ni jene demandas lin:

1. — *Kie kaj kiam vi kontaktis kun Esperanto kaj eklernis ĝin?*

Dum 1917 mi aĉetis broŝureton por rapida lernado de Esperanto, kaj poste gramatikon de S-ro. Bremon-Masgrau. Mia unua kontakto kun Esperanto emociigis min altgrade. La facileco de la lingvo kaj ĝia beleco entuziasmigis min, sed mi trovis baron por la prononcado de la litero «j». Feliĉe mi interrilatis kun la neforgesebla prezidinto de Sevilja Grupo S-ro Trinidad Soriano kiu precize klarigis la aferon al mi. Mi ne komprenas kial ankoraŭ hispanaj verkistoj skribas, ke litero «j» oni elparolas kiel hispana «y»; tiu ĉi litero posedas en hispana du sonojn malsamajn, kaj en Esperanto ĉiu litero havas unu sonon kaj ĉiu sono havas unu literon.

2. — *Kiu estis la ĉefa faktoro kiu instigis vin lerni Esperanton?*

Mia opinio estas, ke lingvo facile lernebla, belsona, riĉa en ĝiaj esprimoj kaj neŭtrala, necese povas atingi la postenon de internacia kaj ke sur ĉi tiu fundamento oni povos atingi la homaran amon kaj pacon. Tiu ĉi lingvo nur povas esti artefarita kvankam Bernad Shaw iam opiniis kontraŭe.

3.—*Laŭ via opinio, kiu devas esti nun la ĉefa celo de la Esperantistoj?*

Mi opinias, ke la esperantistoj devas atenti antaŭ ĉio al disvastigo de la lingvo; oni ne devas atendi ĉion de la registaroj en kies medioj ekzistas multe da interesoj kaj premoj. Kiam ni estos sufiĉe multenombraj en iu ajn lando, ĝia registaro devos doni devige leĝojn favorajn al ni. Mi preferas la laboron de malsupre supren.



## NUEVO GRUPO DE ESPERANTO

Los entusiastas esperantistas de Villafranca del Panadés (Barcelona), están de enhorabuena. Tienen una filial que pronto será un pujante grupo esperantista nacido a su sombra.

El 19 de febrero en Can Cartró, una barriada del municipio de Subirats, tuvo lugar el solemne acto de apertura del nuevo grupo, y primer curso. Se habían congregado en el local de la sociedad GERMANOR casi cuarenta personas de ambos sexos para asistir al acto inaugural.

El R. P. José M.ª Claramunt, escolapio, presidente y profesor del Grupo Esperantista de Villanueva y Geltrú, pronunció una conferencia exponiendo la conveniencia de una lengua auxiliar universal; habló sobre los diversos intentos efectuados para resolver el problema lingüístico, considerando que la solución definitiva la ha dado el Esperanto con sus reglas gramaticales lógicas y sencillas, que le hacen aceptable para filólogos, oradores, científicos, técnicos, etc... y para el uso cotidiano. A grandes rasgos habló sobre la vida del autor del Esperanto Doctor Zamenhof, de su difusión y de la organización esperantista en el mundo.

A continuación el Sr. Manuel Nin, profesor del Grupo, animó a los que serán sus alumnos dándoles las primeras nociones sobre el esperanto, y el veterano y entusiasta esperantista D. Ricardo Sans, explicó varias anécdotas sobre sus andanzas esperantistas en los congresos internacionales.

El iniciador y organizador del nuevo Grupo D. Luis Hernández, farmacéutico de San Pablo de Ordal, puede darse por satisfecho de su campaña en pro del Esperanto.

El curso terminó a primeros de junio con una brillante exposición de material Esperantista que fue muy visitada y elogiada.

A mediados del mes de octubre se iniciará un curso de perfeccionamiento que promete ser tan lucido como el anterior.

---

4. —*Kion vi —spertulo— konsilus fari al la esperantista aro por pliviglígi kaj pligrandigi nian movadon?*

Estas necese konigi la veron pri Esperanto kaj pri ĝia celo al ĉiuj personoj ĉu kleraj, ĉu nekleraj, same ol al institucioj, firmoj k.t.p. Kiam mi legis ion kontraŭ Esperanto, ĉu serioze, ĉu moke, mi tuj respondis, kaj mi povis konstati ĉiam, ke la verkistoj estis nesciuloj, malgraŭ tio, ke multfoje ili estis unuarangaj verkistoj. La interesoj kreitaj en la instruado de idiomoj kaj la nacia amo al propra lingvo estas faktoroj kiuj laboras kontraŭ ni. Dum mia jam longa esperantista vivo mi parolis kun centoj da samideanoj el plural landoj sen trovi neniam eĉ malgrandan malfacilaĵon en la interkompreno.

## ASTURIAS,

## PATRIA QUERIDA..!

kiu l' asturjanojn gvidas!
En la ĉiel' estas stelo
¡Sankta Mario!

(Kantu laŭtkrie korentuziasme).

*A. Villa y Villa*

Ĉe la vojo al la Di-ejo, laŭ oni iras, oni renkontas paradizon. Estas legende, ke en tiu paradizo ripozis Dio la sepan tagon post la Kreado... Dio nomis ĝin Asturias, kio signifas, —simile kiel Pandora ĉe la grekoj—, lando dotita per ĉiaj ĉarmoj.

Plie, Asturias estas la centro de la mondo, kaj etendiĝas ekde tie, kie la ĉielo kuniĝas kun la maro (laŭ oni vidas de la Verda Marbordo), ĝis tie, kie la montegpintoj supreniras ĉielen por sin kaŝi ĉe la nuboj; de sub la karbo en la minejoj ĝis super la glora suno en la ĉielo. Sub la lazuro, la akveca verdo de la maro kantabra, jen milda, jen furioze malkvieta; kaj la verdo de la tero, la volupta verdaro multnuanca de la terondoj virinaj. Kaj ĉe la lazuro, tiu oreca stelo —Sankta Mario!—, kiu zorgeme gvidas la disan asturianaron trairanta la tutan mondon kuraĝeme:

«A donde quiera que vayas por el mundo entero,

hallarás un asturiano que llegó primero».

Tia estas la mirinda centro de la mondo, el kiu, pligrandiĝante ĉiam kiel la rondoj de la akvo, ekde la komenco en Covadonga formiĝis la disvastega Hispaneca Mondo, ĉe kiu la Suno ne kapablis forestiĝi.

Asturias, konsistiganta hodiaŭ la provincon de Oviedo, estas la regiono plej montara el Hispanio: krutaj altaĵoj kiel Los Picos de Europa, El Sueve, El Pajares, kaj aliaj; altegaj pintoj kiel El Naranjo de Bulnes; ĉiamaj neĝoj surmontaj; valoj ridantaj ĉe malpeza




suno; arbaregoj densaj similaj al tiuj fabelaj de la feinoj, ekzemple, tiu de Muniellos, unika en Europo; aleoj, boskoj kaj arbaretoj domecaj formitaj el fruktujoj ĉiuspecaj, kie perdiĝas la homa ĝukapablo... Kaj la akvo: la akvo en ĉiaj formoj: la nuboj kvazaŭ vato kuŝantaj sur la valoj; la kristalaj fontoj murmuremaj sub la foliaro; la riveretoj serpentumaj flustrantaj tra la verdo ĉiea; la riveroj, jen kalmaj, jen torentaj: el Sella, el Cares, el Navia, el Narcea, el Nalón, patro Nalón, abnegacia laborulo en la minaro; la pluvego impeta kaj la milda pluvetado silenta, la mondfama «orbayu», kiu vualas la pejzaĝon per arĝenta nuanco melankolia;kaj fine, la maro; la marego, inter El Musel, granda haveno de Gijón, kaj La Habana, akvo asturia... La Habano kaj Bonosajro, kvartaloj de Asturio.

Asturias estas la feliĉejo por la diletantoj de la ĉaso kaj de la fiŝkaptado rivera aŭ marborda: la urso en la montoj de Quirós, Teverga kaj Somiedo; aproj en la tuta regiono; cervoj kaj kapreoloj en la kverkarbaroj abundaj; ĉamoj en la krutmontoj; lupoj, vulpoj kaj katoj sovaĝaj... En la aero, la agloj, milvoj, akcipitroj, urogaloj, noktuoj... Plie, ĉiuspecaj kantbirdoj: najtingalo, alaŭdo, kardelo, merlo, fringelo, ktp. En la riveroj, la salmo kaj la

truto, la angilo, ktp. Kaj en la maro, ĉio imagebla.

Neeble priskribi la rimarkindaĵojn de tiu lando ĉiel deloga: la pejzaĝo impone bela, virine ondiĝanta, ĉiam multnuance verda; lando de jarmila beleco ĉiam nova kaj surpriziga.

En Asturio estas la kaverno de San Román de Candamo, kun prahistoriaj desegnaĵoj; prahistoriaj loĝejoj estis elterigitaj; multnombraj konstruaĵoj romaj ekzistas dise, kiel ekzemple, la ponto de Cangas de Onís; monumentoj naciaj romanidstilaj, kiel la preĝejetoj de Santa María del Naranco kaj San Miguel de Lillo, de la jarcento IX, kaj multaj aliaj historiaj trezoroj. Ĉapitro aparta meritus Covadonga, grandioza spektaklo de brava naturo, lulilo de la hispanmondo, kie Don Pelayo venkis unuafoje la maŭrojn kun la legenda helpo de La Santina (La Sanktnjo), la de tiam dieca reĝino de la asturianoj, la Virgino de Covadonga, «piquiñina y galana» (malgrandeta kaj ĉarmega), kiu tronas en la impona groto el kies plafono ŝprucas bruegaj fluoj de freŝa akvo: Covadonga estas unika en la mondo, emocie timiga, mirige majesta.

La folkloro asturia estas tre riĉa, tipa kaj originala: la «gajto» kaj la tamburo estas ĝenerale la muzikparo danciga; ĉe «los baqueiros de Alzada, nur la tamburino; la dancoj estas tre antikvaj kaj vidindaj: el xiringüelu, la media vuelta, el corricorri, el pericote, la danza prima... La kantoj asturiaj estas nekonfuzeblaj, tre harmoniaj kaj varie oportunaj por ĉiu vivago. La tipa manĝaĵo esta la «fabada», laŭ onidiroj, la festeca manĝaĵo de la dioj en la Olimpo aŭ diejo; kaj la kutima trinkaĵo estas ambrozio dieca, la sidro, suko fermentita de la paradiza pomo, tipa frukto asturia

Asturias estas kvazaŭ ununura urbego, kun montoj dise kiel ornamaĵoj: oni iras de loko al loko ĉiam vidante loĝejojn pli malpli proksimaj. Gravaj amasoj estas interesaj: Oviedo, la ĉefurbo de la Princlando Asturias, inda fiero ĉe la tutmonda urbaro. Oviedo: la bela katedralo; la grava Universitato; la granda kaj luksa Teatro de la Opero; ĉie palacoj kaj monumentoj rimarkindaj, atestantoj gloraj de aliaj historiaj epokoj. Oviedo, urbo moderna kun belaj, elegantaj konstruaĵoj, larĝaj stratoj, vastaj placoj, verdaj parkoj...

Gijón, ĉe la bordo de la kantabra maro, sur vasta terebeno kuŝas la industria urbo de Jovellanos, kun granda haveno, belega strando kaj delogaj ĉirkaŭaĵoj; kaj mirinda labor —Universitato. Avilés, ĉarma urbeto antikva, moderna urbo industriega. Mieres, Sama de Langreo— La Felguera, industriaj, karbominaj urboj; kaj multaj aliaj urboj kaj urbetoj, maraj kaj kamparaj, vivantaj trankvile el la fiŝkaptado aŭ el la terkulturo...

Krom tio, Asturias estas parfumarejo; ĉie intensaj aromoj: de la laŭroj, de la fojno, de la pomoj, de la floroj, de la rido virina... Ĉiu, kiu amas la Naturon kaj vidis Asturias komprenas ke Dio ĝuis kreante ĝin.

Asturias, patruj' amata
landnjo de miaj amsentoj...

# PRELEGOJ EN SABADELL



Gesinjoroj Bekker kaj nia japana samideanino sur la stuparo de la ŝparkaso de Sabadell, tuj post la prelego.

En la bela aŭditorio de la loka institucio «Caja de Ahorros de Sabadell» prelegis, la 6an de septembro, antaŭ sufiĉe nombra publiko, samideanino Yukiko Isobe, kiu komencis sian lekcion koncize prezentante historian bildon pri la antikva kaj nuna Japanio, surbaze de kio ŝi lerte kondukis la gespektantojn tra la labirinto de la praaj kutimoj kaj arkaikaj kostumoj ĝis la nuna grandpaŝe moderniĝanta lando de l' Mikado. Belaj diverskoloraj diapozitivoj multe helpis kaj faciligis la prelegon. El Esperanto tre kompetente tradukis por la neesperantista publiko la kluba sekretario S-no L. Puig Gandía.

Samtage vespere, samideano Bekker, el Holando, prezentis en la Esperanto-klubo de Sabadell, serion da diapozitivoj el Nederlando, kiuj agrable impresis la geĉeestantojn. Ĉefe, la vivaj koloroj de la tulipoj kaj tipaj muelejoj de la tielnomataj Malaltaj Landoj, motivis favorajn komentariojn inter la gespektantoj. La prezenton finis samideana lunĉo.

———

«Vojaĝo tra skandinavio». Sub tiu titolo ankaŭ prelegis, la 4an de oktobro, en la aŭditorio de «Caja de Ahorros de Sabadell», samideano Ramón Molera, U.E.A.-Ĉefdelegito por Hispanio, kies prezenton de belaj diapozitivoj kaj ties objektivajn eksplikojn oni sekvis kun granda atento. Multnombra publiko ĉeestis la eventon. Gazetoj raportis.

VELUS



Sro. Molera kaj Sro. Soler antaŭ la prelego.

Fotis Bello

## KURSOJ DE ESPERANTO

La Esperanto-Grupo de Bilbao, organizis senpagan Esperanto-kurson kaj pretigis propagandcelajn flugfoliojn kun trafa teksto. Gratulon kaj sukceson.

La Esperanto-Fako de la «Centro Excursionista Puigcastellar, de Santa Coloma de Gramanent, organizis Esperanto-kurson kaj presigis grandformatan, informan kaj propagandan folion. Gratulon kaj antaŭen!

Bazita en la lernolibro DIDAKTA de Prof. Dalmau, la Baleara Esperanto-Asocio (San Roque, 8, Palma de Mallorca) pretigas Esperanto-kurson por Radio. Ni ricevis la unuan lecionon laŭ adapto de Prof. M. Arbona.

### MUZEO KAJ BIBLIOTEKO DE ESPERANTAJOJ EN HISPANIO

S-ro. Hernandez Izal, entreprenis antaŭ kvar jaroj kolektadon de ĉiaj esperantaĵoj, kaj atingis jam milojn da libroj kaj dokumentoj. Li petas kunlaboradon de ĉiuj gesamideanoj kiuj povas donaci, vendi aŭ interŝanĝi esperantaĵojn.

Adreso: Luis M. Hernandez Izal. Farmaceutico. Apartado de Correos número 83, Villafranca del Panades (Barcelona).

Per la artikolo «Fiasko, frakaso, pues... «de nia akademiano prof. D. Dalmau, aperinta en la lasta numero de Boletín, ni malfermis novan rubrikon en nia revueto kiu celas pritrakti gramatikaĵojn. La fakto, ke multaj el niaj legantoj interesiĝis, esperigas al ni multnombran partoprenon al ĉi tiu konkurseto.

## GRAMATIKAĴOJ

# Ekzamena Konkurso

*D. DALMAU*

Se vi jam lernis la internacian lingvon por kompreni ĝeneralan legaĵon aŭ paroladon en Esperanto, partoprenu ĉi tiun ekzamenon pri via scio, respondante la demandon ĉu la vorto *aŭtodidakto* estas simpla aŭ kunmetita en Esperanto?

Vi povas diri nur ke ĝi estas simpla aŭ ke ĝi estas kunmetita; sed vi povas aldoni rezonadon por pravigi vian aserton.

En proksima numero de nia BOLETIN, ni klarigos tiun aferon sciigante pri la korekteco aŭ erareco de ĉiuj respondoj ricevitaj dum unu monato post la publikigo de ĉi tiu numero.

Kaj ni faros novan ekzamenan demandon, se montriĝos intereso pri ĉi tiu rubriko.

## ✱ *Ni legis por vi...*

*OBJEKTIVA VIVKONCEPTO. - Bazaj konsideroj. Originale en Esperanto verkis Ib Schleicher. Eldonis INSTITUTO DE MARTINUS. Mariendalvej 94-96. Kopenhago-F. Danlando.*

La akiro de objektiva vivkoncepto estas esenca faktoro en nia ĝusta rilato al la vivo. Korekta vivmaniero nepre venas el objektiva vivkoncepto, jen kial la 27-paĝa broŝuro (celtrafe ilustrita) de S-ro Schleicher, tuŝante tiklan punton el la fundamenta homeduko estas ju pli utila despli aktuala restas ankoraŭ la bildo de Diogeno kun la lanterno serĉante «homon» (homon... kun objektiva vivkoncepto, kompreneble!).

Ŝokas onin konstati kiom da konfuzo kaj diversspeca opinio regas en la plej gravaj aferoj de la vivo; kun sincera respekto al ĉiuj kiuj tra sincera kredo je ajna religio jam solvis siajn demandojn pri vivenigmoj kaj fina destino de la homo, ni devas atenti al tiu plejmulto kiu ne nur ne havas klaran opinion pri ĉi tiuj nocioj (vivo, morto, destino, ktp.) sed, kio estas multe pli grava: ili *kredas*, ke solvo al tiuj problemoj ne ekzistas, opiniante, ke nur naivuloj aŭ fanatikuloj povas okupiĝi pri tiaj aferoj. Laŭ mi mem konstatis, tiaj opinioj regas de malaltaj ĝis plejaltaj socitavoloj kaj kulturrondoj konsistigante veran marĉon da konfuzo, negativeco kaj mensa mallaboremo.

La libro de S-ro Schleicher, per racia, logika kaj scienca analizado montras kiome malsaĝaj kaj malraciaj estas tiaj opinioj, kaj instigas al detala konsidero de nekontesteblaj argumentoj kaj ĉiutagaj faktoj. Analizinte problemojn kiajn «ĉu ekzistas aŭ ne plano en la vivo»; «ĉu movo povas sperti movon»; «la ekstermateria elemento en la homo»; «nia mio»; «ĉu reenkarniĝo estas fakto»; «justo en la vivo», ktp. ktp., la libro finas instigante al la studado de la libroj de la dana pensulo Martinus, kies verkojn bone konas la tutmonda esperantistaro ĉar ili jam parte aperis en nia internacia lingvo tra sinsekvaj eldonoj.

«Objektiva vivkoncepto» estas eldonata en naciaj lingvoj, inter ili en hispana.

N. L ESCARTIN

*NE KIEL MEIER! - Invito al revizio de niaj konceptoj pri la konjugacio en Esperanto. Raymond Schwartz. - Kolekto de Franca Esperanto-Instituto nm. 9. - Unuiĝo Franca por Esperanto, Paris* 1964. 11 × 17,5 *cm.* 48 *paĝoj. - Prezo ne indikita.*

La «ĉiutaga pano» de la kristana ĉefpreĝo fariĝas la «ĉiutaga fiŝo» ĉe la skimoj, la «ĉiutaga rizo» ĉe la japanoj ktp, ĉar la *pano* ne ĉie estas dieta bazo, dum ĉiulatitudaj homoj ja «ĉiutage *manĝas*». La ellerno de nova lingvo postulas la kapablon analizi la gepatran lingvon kaj reformuli en la nova la esprimotajn konceptojn. Inter du lingvoj, kiuj ajn ili estu, ne ekzistas la ebleco de laŭvorta paŭsado, des malpli de fraza aŭ pli longa laŭvortigo. Tial, kiam hispano de Tenerife skribis al sia gastigota sveda korespondamiko: «Mi atendos vin sur la risorto», anstataŭ: «Mi atendos vin sur la kajo», li nur povis primirigi sian gaston pro la neniel komprenebla atendejo; la mistifikaĵo ŝuldiĝis al la fakto, ke *risorto* kaj *kajo* estas hispane *muelle*, kiel *juro* kaj *leĝo* estas angle *law*, ktp. Nu, similan misaĵon kulpis parto de la ĝermanlingvuloj kaj ĉi ties imitantoj koncerne la signifon de niaj participoj *-ata* kaj *-ita*, ĉar ili ne konsciis, ke, anstataŭ paŭsi la 'logikon' de siaj lingvoj, ili devis unue enprofundiĝi en la spiriton de Esperanto, severe esplori la praktikadon de Zamenhof kaj, surbaze de tiuj esploroj, starigi la veran signifon de la participoj laŭ la principoj kaj ekzemploj de la *Fundamento* kaj de la zamenhofa tradicio.

Unu el la unuaj, kiuj paŭsis la ĝermanan sistemon, jam en 1891, estis Ludwig Emil Meier; sed baldaŭ Zamenhof mem, tute eksplicite, malrekomendis tiun interpreton. Nun, post la *Simpozio pri -ata/-ita* kaj koneksaĵoj, Raymond Schwartz restarigis la demandon kaj reformulis la korektecon kaj konsekvencecon, la absolute senmankan logikecon de la zamenhofa tradicio, surbaze de la *Fundamento*, en unu el la plej brilaj, klaraj kaj nekontesteblaj analizadoj de la konjugacio de Esperanto ĝis nun aperintaj. Schwartz frontis la demandon tute senantaŭjuĝe, deirante de la sistemo mem de la lingvo tia, kia ĝi estas, kaj ne kiel ĝi *devus* esti laŭ *alilingvaj* idiomaĵoj. Li trovis, ke estas multaj, tre multaj kazoj, kiam la malobeado al la *Fundamento* kaj al la zamenhofa tradicio estigas gravajn konfuzaĵojn kaj povas konduki al vere

danĝeraj absurdoj. Prüve li citas tekston el la traduko de la *Nova Testamento*, kiu estas aperiganta «Espero Katolika», kie la ĝermanisma paŭsado de la participoj dirigis al Sankta Mateo religian herezaĵon, aŭ, minimume, ŝokegan neeblaĵon. Tion Schwarta titolas «la malbona ekzemplo», kaj la eseo finiĝas per la jenaj vortoj: «La Evangelioj laŭ Meier ne estas en Esperanto de D-ro Zamenhof. Kun tia Esperanto ni ne solidariĝas. La Zamenhofa Esperanto estas kaj restas unueca tutaĵo».

Plezure mi citus surprize lumajn klarigojn kaj prezentojn de la temo, sed mi devas rezigne kontentiĝi per nur kelkaj elpinĉoj, nome: «Ne estas dubo, ke Zamenhof aljuĝis al sia verkaro la valoron de praktika gramatiko» )p. 13); «La bazo por la korekta uzo de la kunmetitaj formoj estas la ĝusta kompreno de la participoj» (p. 20); «La participoj havas neniun influon sur la konjugacian tempon» (p. 21); «La Esperanta konjugacio havas nur tri tempojn: -as, -is, -os. Ĉiujn relativajn tempojn interne de la tri absolutaj tempoj oni montras per eksterkonjugaciaj precizigoj. Sen escepto!» (p. 33); ktp. Sed en mallonga recenzo ne povas esti resumita tiu densa, bone pripensita kaj stile belega studaĵo, kiun mi entuziasme, admire kaj kun plenkora danko al la aŭtoro rekomendegas al ĉiuj esperantistoj, kiuj respektas sian lingvon, volas ĝin unueca kaj deziras neriproĉeblan manieron ĝin klarige defendi en tiu konkreta punkto.

J. REGULO

*33 RAKONTOJ. La Esperanta novelarto. - Redakto de Reto Rossetti kaj Ferenc Szilágyi. Enkonduko de Ivo Rotkviĉ. - Kovrilo de David Hastie Young. - STAFETO: Belliteratura Serio, 22. - J. Régulo, Eldonisto, La Laguno, Kanariaj Insuloj, 1964.* - 15,5 × 22,5 *cm.* (XX + 332), *paĝoj.* - *Prezo:* *broŝ.* 3,00; *tolbind* 5,80 *usonaj dolaroj* (*aŭ egalvaloro*).

Kiel titolite, ĉi tiu nova libro de STAFETO prezentas 33 rakontojn kiuj konsistigas malgrandan antologion de la originala Esperanta novelarto. Tridek aŭtoroj popece kontribuas al la starigo de ĉi tiu verko kiu celas esti atestilo pri la literaturaj valoroj de nia lingvo en la branĉoj novelo kaj romano, dum epoko ampleksanta de la jaro 1898 ĝis la jaro 1961.

Post la majstra enkonduko de Ivo Rotkviĉ, signifoplena studaĵo pri la mesaĝo de nia originala literaturo, Ferenc Szilágyi kaj Retto Rossetti pritialas la selektadon per prezentoj kiuj respektive temas pri la fono de la tri-dek», kaj «ĉirkaŭ la Esperanta Novelo».

Mi devas verame konfesi (ĵusleginte kun entuziasmo la novebakitan «Maŝinmondo»-n, de Szathamari), ke la legado de ĉi tiu antologio ne tute kontentigis min: malgraŭ ke iuj el la plej famaj verkistoj de Esperantujo ornamas la literaturan menuon, la enhavo ne atingas —laŭ mia opinio— la nivelon al kiu STAFETO kutimigis nin. Tamen, kelkaj esceptoj, brilaj atestoj pri neofta verkista talento, observo kaj penetremo, altiĝas kaj bele kolorigas tiun areton da grizaĵoj bedaŭrinde kutimaj en la literaturo de ĉiuj kulturlingvoj, sed certe ne tre taŭgaj por antologio de lingvo tiel grava kaj signiforiĉa —laŭ socia kaj homa vidpunkto— kiel Esperanto.

Analizinte atente la novelareton, oni povas rimarki, ke nia internacia lingvo —laŭ esprimkapablo, vortonuancaro kaj ceteraj teknikaj rimedoj nepre necesaj por beletra vivebleco— atingis nivelon similan al tiu de ajna grava kulturlingvo, sed rilate la temojn oni ne povas rimarki la samon: «Infanismo kaj diletantismo» sukcesis pludandi en nia antologia literaturaĵo kaj orelpinte koboldas en pluraj noveletoj. Tamen, kiel dokumento pri la disvolviĝo de nia novela literaturo, ĉi tiu stafetaĵo havas neneendan —aŭ, pli ĝuste, agnoskendan— gravon. Por ekkoni la literaturan historion de nia movado, la estiĝon de niaj literatura ĵoj ekde la frutempaj beletraj ĵonglaĵoj ĝis la nuntempa kelkrilate kontentiga maturiĝo ĉi tiu antologio povas ege utili. Certe la leganto trovos ankaŭ en ĝi amuzan legaĵon.

N. L. ESCARTIN

*MAŜINMONDO kaj Aliaj noveloj - Sándor Szathmári. Enkonduko de Willian Auld. Kovrilo kaj vinjetoj de Zoltan Illéssy. - STAFETO: Beletraj Kajeroj, J. Régulo, Eldonisto, La Laguno, Kanariaj Insuloj,* 1964.-12 × 18,5 *cm.* 188 *paĝoj. Prezo:* 1,50 *usonaj dolaroj* (*aŭ egalvaloro*).

Ĉi tiu nova volumo de STAFETO konsistaj el kvar malsamaj noveloj: Maŝinmondo; Supermilaj noktoj; Dokumentoj pri la historio de la kompofono, kaj Vincenzo. La epilogo —skizo pri la vivo kaj verkado de la aŭtoro, kaj glo-

so vostas ĉi tiun —en ĉiuj rilatoj— eksterordinaran libron; la foto de nia literatoro, kiel en intaj Beletraj Kajeroj, ornamas la postkovrilon.

En «Maŝinmondo», kapromano duone satira, duone scienco-fikcia, sed en ĉiuj rilatoj brila kaj interesega, la aŭtoro priskribas, laŭ majstra maniero, mondon en kiu maŝinoj (halucinaj plupensmaŝinoj, juĝmaŝinoj, riparmaŝinoj, kontrol juĝmaŝino, ktp) laboras, planas, produktas, esploras, anstataŭ la homoj, kvankam sub ilia regado, ĝis kiam oni finplanas kaj fabrikas «gvidmaŝinon» kies nura direktivo estas «funkcii» plej utile por la intereso de (la popolo), tio estas: elpensi kaj realigi ĉion eblan por la komuna bono kaj eltrovi la plej utilan vojon al ĉiuj aferoj cele al la plenumo de tiu devizo. Ĉi tie, la romano, per la preskaŭ magia lerteco de la aŭtoro akiras neoftan gravon kaj profundecon ĉar la verkisto per la ora fadeno de kvazaŭ profeteca fantazio, ligita al rigora, scienca (kvankam parta, kompreneble) rezonado, tredas sinsekvan kaj logikan okazintaĵaron kiu kondukas la maŝinojn al la pereigo de la homaro (Hirtigas nian hararon la konkluda sentenco de la gvidmaŝino: *La homo, kiel la plej granda malhelpo de la utila kaj perfekta vivo, jam malestiĝis*. Laŭlonge de la rakonto, pli-malpli kaŝe, pli malpli moke (sed ja tre serioze en la fundo) la aŭtoro skurĝas senkompate (kelkfoje ŝajnigante la kontraŭon) multajn sociajn kaj moralajn tabuojn. Tre interesaj estas liaj ideoj pri moralo, socia konduto, scienco, materio, mondo ktp.; sed bedaŭrinde, kiam li pludisvolvas la ĉefideojn preferas petoli, troigi, primoki, unuvorte: satiri, anstataŭ iri korekte kaj serioze ĝis la provizore lastajn sekvojn. Tamen, la karaktero de la libro postulas la de la aŭtoro elektitan alternativon. Sub masko de satiro ĉi tiu romano metas en la menson de la kulturita leganto demandojn kaj problemojn pri kiuj li eble ne *veke* konsciis ĝis nun. Sekso, vivceloj, konduto, scienca elvolviĝo, ultrasubstanca mondo, kc. estas konceptoj analizendaj de ĉies legantoj vere interesiĝantaj pri la problemoj de la homo kaj de nia epoko.

En la enkonduko de William Auld, mi trovis tri vortojn kiuj unuavide povus aspekti obskuraj por multaj legantoj: *seoj, sedoj* kaj *tamenoj*. Ĉu ne estus pli klare —kvankam ne tiel bele— skribi ilin: *se-oj, sed-oj* kaj *tamen-oj*?

Post «Maŝinmondo», Supermilaj Noktoj, fajna brodaĵo el orienta fantazio kaj esprima lerteco mergas nin —per Mildua, —tria kaj —kvara noktoj— en la legendan, por ĉiam malaperintan ĉarmon, de la orientaj noktoj. Laŭ imagopovo, delikate senbrida fantazio kaj interesokaptaj ecoj, ili povus esti honorplene aldonitaj al tiuj kiuj laŭlonge de ĉiuj tempoj amuzis kaj mirigis ĉiun kleran personon.

«Dokumentoj pri la historio de la Kompofono», kiun la aŭtoro verkis kelkaj jaroj antaŭ ol komencis la unuaj eksperimentoj por konstrui komponmaŝinon, estas plua atesto pri la *krea fantazio* de la aŭtoro kaj montras la intiman rilaton kiu ekzistas inter muziko kaj matematiko. Tiun verkon sekvas la romano Vincenzo, verkita hungare de Szathmári kaj tradukita esperanten de Dro. Kalocsaj. Al la alloga pritrakto de la temo, kiu elsorbas ĝis tralego la atenton de la leganto, kuniĝas la psikologia valoro —vera epokstudaĵo— de ĉi tiu rakonto kiu temas pri la vivo de la itala sciencisto Galileo Galilei kaj ties proceso pro lia aserto pri la rondiro de la tero ĉirkaŭ la suno.

Manko da tempo kaj spaco ne permesas al mi progresi en pluanalizon nek pli profundan komenton de ĉi tiu eksterordinara novela kvaropo, kiu laŭ kvalito kaj literatura valoro superas la plej grandan parton el la nacilingvaj literaturaĵoj kiuj konstelacias en la plej kreditigitaj landaj librovendejoj.

N. L. ESCARTIN

## HONORA PREMIO

En la «I EXPOSICION PROVINCIAL DE TARJETAS POSTALES» organizita de la ORGANIZACION SINDICAL O. S. EDUCACION Y DESCANSO de Barcelona, nia samideano kaj kunlaboranto S-ro EVARISTO GIL, meritplene atingis la HONORAN PREMION en la temo PACO, per belega kolekto de poŝtkartoj -alvenintaj el la tuta mondo kaj senditaj de alireligiaj kaj alilingvaj homoj- pri Kristnaskaj kaj Novjaraj temoj, esprimantaj bondezirojn pri tutmondaj PACO kaj BONA VOLO.

ESPERANTO, PACO KAJ BONA, VOLO! Dia triopo por ĉiesa primedito. Indega temo por ĉia ekspozicio kaj propagando.

Koran gratulon al samideano Gil!!

UNIVERSALA ESPERANTO — ASOCIO

BELARTA KONKURSO 1965

Kiel ĉiujare, aperas ĉi tiu belarta konkurso, kies graveco por la evoluigo de nia literaturo estas rekonita, kaj invitas vin partopreni per viaj verkoj laŭ jenaj temoj:

1. — Originala poezio (Maksimume 108 versoj per 1 ĝis 3 poemoj).

2. — Tradukita poezio (maks. 108 versoj per 1 ĝis 3 poemoj).

3. — Originala prozo (novelo, eseo, artikolo, aŭ simile; ĉiu prozaĵo po 2000 — 3000 vortoj).

La regularo de ĉi tiu konkurso aperas sur p. 175 de la oktobra numero de la revuo ESPERANTO. Sendu viajn konkursaĵojn al S-ino. E. Lapenna, Nova Ves 32, Zagreb, Jugoslavio.

# NOVAJ GRAMOFONDISKOJ

* INTERNACIA ELPAROLO estas disko kiu donas ekzemplojn de elparolo per la voĉoj de kvin diversnaciaj profesiaj esperantistoj. - Eldonis UEA. Daŭro: 15 minutoj. Rapideco 33 1/3 r.p.m. Farita el mola plastaĵo. Prezo: 6 steloj.

* NI KANTU EN ESPERANTO. - Trobadoras, Frans Jahger. Monologas, Ducan Charters; deklamas Julius Balbin. Eldonita en Usono; mendebla ĉe la kutimaj libro-servoj de UEA. Ankaŭ estos ricevebla laŭ interkonsenta aranĝo interŝanĝe por esperanto-materialoj uzeblaj en Usono; prezo 54 steloj.

Tiu ĉi disko 30cma. kun rapideco 33 1/3 r.p.m. havas kantojn, deklamaĵojn, ŝercojn ktp. Akompana libreto enhavas la tekstojn. Tre interesa disko. Petu ĝin nun mem.

21-a INTERNACIA JUNULARA KONGRESO DE T.E.J.O.

Korespondadreso: 21-a I.J.K. Kansa Esperanto-Renmei, 3-10, Nakatu-Hamadori, Ooyodo-ku, Osaka- Japanio.

— Aperinta la UNUA INFORMILO kaj preta la provizora aliĝilo, ni petas al la interesiĝantoj sin turnu por pluaj informoj al la koresponda adreso aŭ landaj perantoj.

## UNIVERSALA ESPERANTO ASOCIO

50-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO
Tokio - 31 VII - 7 VIII 1965
Sub la alta Protektado de D-ro Yuji Shibata, Prezidanto de la Japana Akademio.

—NOVAĴOJ: Jam aperis la unua 8-paĝa Bulteno kaj la aliĝilo. Porpete bonvolu vin turni al la ĉefdelegito de U.E.A., Kongresaj Perantoj aŭ al la Konstanta adreso: Nieuwe Biennenweg 176, ROTTERDAM-2 (Nederlando). La grupoj de H.EF. ricevos ekzempleron kune kun la oficiala bulteno BOLETIN. Ni devas atentigi, ke la aliĝiloj disdonitaj dum la 49-a U.K. en Den Haag (blua koloro) enhavis erarajn aliĝkotizojn kaj pro tio ili estas nuligitaj.

EŬROPA ESPERANTO-KONFERENCO 1965 — VIENO — AŬTRIO
sub aŭspicioj de U.E.A. kaj A.E.F. kaj
la Alta Protekto de la aŭstria ĉefministro Dr. KLAUS

Tempo: 11-a ĝis la 17-a julio 1965

NOVAĴOJ: Jam aperis la Unua Oficiala Bulteno kaj aliĝilo. Ankaŭ la fremdultrafika oficejo de Vieno eldonis 6-paĝan faldoprospekton okaze de tiu Konferenco. Esperantistaj grupoj povas mendi magnetofonan prezentadon pri Vieno kaj pri la programo de la Konferenco. Libro kaj poŝtkartoj estas pretaj por sendo. Bonvolu vin turni al la Organiza Komitato: Wien, XV. Funfhausgasse 16 - AUSTRIO.

## DUDEN BILDVORTARO APEROS EN ESPERANTO

Esperanto Press, Oakville, Ontario, Kanado akiris interkonsenton kun la Bibliografia Instituto, Mannheim, Germanujo pri eldono de la plej detala bildvortaro de la mondo en la internacia lingvo.

La 'Duden Bildwörterbuch' aperis 1958 en tute nova prilaboro en la germana lingvo. Ĝi klarigas per 368 moderne desegnitaj bildtabuloj ĉ. 25 000 per bildoj klarigeblajn nociojn. Alfabeta listo je la fino de la verko ebligas tujan trovon de la ilustraĵo. Precize same aranĝitaj kaj numeritaj aperis 1960 anglalingva, 1961 franclingva kaj 1962 hispanlingva eldonoj, kaj en preparo estas itala, portugala kaj sveda eldonoj.

Esperanto Press nun intencas kiel eble plej baldaŭ publikigi precize same aranĝotan eldonon en la internacia lingvo, sed por fari la tradukojn kaj por kontroli ilin ni devas peti la kunlaboron de tutmondaj fakuloj. Necesos ellabori multajn novajn terminojn. Helpi povos ĉiu sperta esperantisto, kiu konas almenaŭ unu el la lingvoj, en kiuj la bildvortaro ĝis nun aperis, kaj kiu havas fakajn konojn en iu ajn profesio aŭ ŝatokupo. Bonvolu do anonci vin kun viaj interesoj kaj kapabloj al Esperanto Press. Vi ricevos liston de la tradukendaj bildtabuloj, el kiu vi elektu tiujn, kiujn vi ŝatus traduki, kaj vi ricevos detalajn informojn pri la labormaniero, rekompenco ktp.

Tip. C. Boloix - Armas 72 - Zaragoza

D. L. Z. - 372-63